# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**24a jaro** **Novembro/Decembro 1972** **N-ro 6**



*La estraro de IFEF deziras al la legantaro ĉion bonan okaze de la Zamenhof-tago — la kristnaskofesto — kaj fine: Sukcesplenan novan jaron.*

*Århus la urbdomo vidata de la parko.*




# Jubilea IFEF-kongreso en Århus

12.5 — 18.5. 1973 en ÅRHUS
Kongresejo: Hotelo Mercur, Viby J.
Konstanta kongresa adreso:
25-a IFEF-kongreso, Assensgade 18,
DK-8000 Århus C.

Kasistaj adresoj:
25-a IFEF-kongreso,
Bankkonto no 803 547
Privatbanken, Århus—Viby afd.
DK-8260 Viby J.
25-a IFEF-kongreso, Tousparken 9,
DK-8230 Åbyhøj.
Poŝtĝirkonto: 20 31 50

Kongreskotizo:
Ĝis 31.1.1973: 76,00 danaj kr.
Post 1.2.1973: 96,00 danaj kr.
Familianoj, pensiuloj kaj gejunuloj ĝis 20 jaroj — la duonon.
Simpatiantoj: minimume 20,00 danaj kr.

*Ne forgesu la kongresajn glumarkojn.*

10 glumarkoj kostas 2 respondkuponoj inkl. afranko.

Folio kun 25 glumarkoj kostas da. kr. 2,25 + afranko.

*Diversaj prezoj je 1.7.1972:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Hoteloj: | | d.kr. | 60,00-70,00 po pers po lito |
| | | | 40,00-50,00 po pers po lito |
| | | | 30,00-40,00 po pers po lito |
| Manĝado en hotelo: | | | |
| | matenmanĝo | d.kr. | 7,00-12,00 |
| | tagmanĝo | d.kr. | 20,00-30,00 |
| | vespermanĝo | d.kr. | 10,00-20,00 |
| En memservaj rest: | | | |
| | matenmanĝo | d.kr. | 5,00- 7,00 |
| | tagmanĝo | d.kr. | 7,00-10,00 |
| | vespermanĝo | d.kr. | 7,00-10,00 |
| | biero | d.kr. | 3,80 |
| | lemonado | d.kr. | 1,80 |

En kongresejo kaj 5 minutoj piede for de kongresejo troviĝas 3 memservaj restoracioj, en kiuj eblas manĝi je moderaj prezoj kaj laŭ plaĉo. (Du el ili fermitaj dimanĉo).

La aliĝilo ĉitempe kuŝas ĉe la presisto. Tuj kiam ĝi estas preta ni sendas ĝin al ĉiuj landaj prezidantoj kaj/aŭ al voĵaĝgvidantoj.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

*Gazeteltondaĵoj pri Esperanto, pri nia 25-a kaj pri Århus.*

Estu ege valora kaj por LKK kaj por nia turistoficejo.

LKK de la 25-a IFEF-kongreso jam komencis sendi al diversaj gazet-redakcioj kaj al radiostacioj, kiuj elsendas en Esperanto informojn pri la kongreso kaj pri Århus.

Ĉar estas absolute neeble por LKK legi aŭskulti kaj kontroli ĉiujn tiujn gazetojn kaj radioelsendojn, ni petas al ĉiuj legantoj, ke vi *streĉu vian atenton* dum la venontaj monatoj — ankaŭ post la kongreso.

Vidinte kian ajn artikolon, notaĵon, mencion aŭ simile pri Esperanto, pri nia 25-a aŭ pri Århus, ĉu en taggazeto, ĉu en fervojfaka gazeto, ĉu en la radio aŭ aliloke, vi bonvolu eltondi aŭ noti kaj sendi la eltondaĵon aŭ vian notaĵon al la kongresa adreso. — Ankaŭ se aperos en naciaj lingvoj. — Ne forgesi noti, de kiu gazeto aŭ radioelsendo kaj la daton.

Estas valora kaj por venontaj turnoj koncerne Esperantlingvajn broŝurojn kaj por venontaj turnoj koncerne kongresojn.

Faka prelego: La temo por la venonta faka prelego estas: «DSB kiel ŝipkompanio», kun 2 filmoj.

Antaŭ ol vi legas nian provizoran programon oni volas mencii ke en prepara estas arta kaj kultura vespero pri Gronlando. La dato ankoraŭ ne estas fiksita.

Provizora kongresprogramo:

Vendredon 11/5: Gazetara konferenco. Kunveno IFEF-estraro/LKK.

Sabaton 12/5: Akcepto de gekongresanoj. Interkona vespero.

Dimanĉon 13/5: Ekumena diservo. Solena malfermo. Komuna fotografado. Kongresa bankedo. Urba rondveturado. Kongresa balo.

Lundon 14/5: Nepublika kunveno. Publika kunveno. Gazetara konferenco en la teologia fakultato. Kunveno por veteranoj. Komitatkunsidoj. Komisionaj kunsidoj. Kunveno, junulara sekcio. Libera vespero.

Mardon 15/5: Faka ekskurso al la vagonfabriko Scandia A/S. (Partoprennombro limigita.) Vizitoj. Urba akcepto de ĉiuj gekongresanoj en la urbdoma halo. Junulara vespero.

Merkredon 16/5: Tuttaga ekskurso, trajne kaj ŝipe, al la lagoj de Silkeborg, la urbo Silkeborg, trajne tra la erikejo, vizito en Middelfart, la urbo kun la du pontoj trans la belto. Lunĉo kaj tagmanĝo estas inkluzivaj.

Ĵaŭdon 17/5: Plenkunsido. Briĝ- kaj ŝakturniroj. Piedpilko. Libera vespero.

Vendredon 18/5: Fakprelego kun filmo. Informado pli la 26-a IFEF-kongreso. Duontaga ekskurso al Molso kun vizito en la pitoreska urbo, Ebeltoft. FISAIC-vespero kaj fermo de la kongreso.

Dum la kongresa semajno funkcias akceptejo, informejo, libro-vendejo, poŝtoficejo, interna kaj ekstera ekspozicioj.

# Århus kiel trafikcentro

Århus - la dua urbo en Danio kaj la plej granda en Jylland - Jutlando - kun siaj pli ol 235 000 enloĝantoj en la nova grandkomunumo estas tiom grava centro por longa vico da aktivecoj, ke la ĉiutaga vivritmo de la grandurbo nepre enhavas konsiderindan trafikan pulsobaton.

La urbo situas proksimume meze en Orientjutlando en bona regiono. Kun aliaj urboj de la proksimeco ĉirkaŭ si en

duoncirklo la ĉefurbo de Jutlando tute nature servas kiel centro por tiu ĉi urbomedio kaj tiamanere estas ankaŭ — kun sia tre grava haveno — rimarkinda komercurbo.

Inter la multaj aktivecoj de la grandurbo, kiuj ludas precipan rolon por la tuta duoninsulo, elstaras la universitato kaj la malsanulejoj kun la multaj specialsekcioj kaj la longa vico de diversaj centroj de edukado. Kune kun la multaj kaj diversspecaj entreprenoj kaj la ceteraj laborlokoj en la urbo ili ĉiuj estas tre trafikpostulantaj kaj trafikformantaj.

Ŝipoj, trajnoj, aŭtomobiloj kaj flugmaŝinoj prizorgas la trafikon al kaj de Århus, dum la enurba kolektiva trafiko nun — post la forigo de la tramlinioj en 1971 — senescepte estas farata per aŭtobusoj.

La posta teksto rakontas iom pri la terminala funkcio de ĉiu el la supre menciitaj trafikiloj.

## *La haveno de Århus*

Speciale por la vartrafiko la haveno havas grandan signifon.

Ĝi estas la dua en Danio kaj moderna haveno sub konstanta konstruado kaj ĝisdatigo. Ĝia bona situo rekte kontraŭ Kattegat kaj la interligaj vojoj inter Norda Maro kaj Baltika Maro prezentas la plej favorajn ŝipveturajn cirkonstancojn. Nur dum tre severa vintro estiĝas senteblaj malfacilaĵoj pro la glacio.



*De la haveno en Århus.*

La kajoj havas longecon de entute pli ol 10 kilometroj, kaj sur ĉiuj kajoj en la trafikhaveno estas trakoj. Nature troviĝas ankaŭ granda nombro da modernaj liftoj, kaj fundamenthavaj kaj moveblaj. Ĝuste en 1972 estas establita speciala lifto por konteneroj, kiel grava ĉeno en la moderna transportformo, la transporto per konteneroj.

La jara varospezo trans la havenkajoj sumiĝas je 4 milionoj da tunoj, dividita je importo kaj eksporto respektive kun proks. 3,4 kaj 0,6 milionoj da tunoj.

La haventrafiko konstante pliiĝas. Dum la lastaj jaroj eĉ grandskale, i.a. ĉar multaj grandaj en- kaj eksterlandaj ŝipkompanioj iom post iom ekuzas la havenon kiel haltejo por la transoceanaj regulaj ŝipoj, tiel ke nun estas regula trafiko al multaj transoceanaj destinejoj.

Ankaŭ por la pasaĝer- kaj aŭtomobiltrafiko la haveno de Århus ludas gravegan rolon. Regulaj ŝipoj por ĉi tiuj celoj iras ĉiutage al kaj de Oslo, Kalundborg kaj Samsø, kaj ĉi tiuj ŝipoj kune transportas po jare pli ol 1 milionon da pasaĝeroj al kaj de Århus.

## *Ĉefstacio de Århus*

La grava fervoja centro Århus enhavas personstacidomon, havenstacion, vagonŝanĝejon kaj varterminalon, ĉio kunigita en tre grava, bone funkcianta DSB-trafikcentro.

La nunaj konstruaĵoj preskaŭ ĉiuj havas ĉirkaŭ 50 jarojn, la havenstacio tamen havas proks. nur 15 jarojn. Sekve okazas daŭre modernigaj kaj evoluigaj laboroj en la multbranĉa granda laborloko. La sekurecinstalaĵo de la stacio detruiĝis dum la 2-a mondmilito. Tial ĉi tiuj instalaĵoj devis esti renovigitaj kiel eble plej rapide post la fino de la milito en 1945. Nun estas projektita modernigojn de la sekureca instalaĵo kaj de la ĉeflinio kaj de la stacio, kaj estonte la ĉef-



*De la ĉefstacidomo en Århus.*

stacio de Århus fariĝos sidejo por fervojlinia sekureco kun teleregado (CTC) same kiel la stacio fariĝos ĉefstacio por distrikto en planita nova modelo de organizo por la DSB stacio-funkcio.

Nature estas rimarkinda trafikektivigo en la ĉefstacio de Århus.

Proks. 50 000 vagonaroj po jare estas ekspeditaj, kaj pli ol 800 000 biletoj estas venditaj.

La ŝarĝtrafiko sumiĝas je proks. 600 000 da tunoj por alvenantaj sendaĵoj, kaj proks. 200 000 da tunoj estas forsendataj.

Por efektivigi la ŝarĝtrafikon oni antaŭ nelonge faris laŭcelajn modernigojn kaj en la fervoja linio kaj en la pakejoj. I.a. estas establita moderna kontenerlifto, kaj menciinda estas, ke la ŝarĝterminalo de Århus estas centro por la ĵus starigita fervoja centro Århus en la novorganizita DSB-sistemo-transportreto.

## *La aŭtobusstacio de Århus*

La nuna aŭtobusstacio estas pli ol 20-jara. Komence de la 50-aj jaroj ĝi estis translokita al sia nuna centrala loko meze inter la ĉefstacidomo kaj la pasaĝera trafikhaveno. Ĝi estas tre grava ĉeno en la urba trafikvivo, ĉar ĝi estas alven- kaj forirterminalo por ĉiuj aŭtobusoj de la urba regiono.

Proks. 50 linioj estas dividita inter proks. 20 kompanioj inter kiuj DSB estas la plej granda kun preskaŭ dudeko da linioj, kiuj proksimume ĉiuj estas regionaj. La DSB-irejoj havas rektajn liniojn de komuniko de kaj al la najbaraj urboj.

La plej granda parto de la regiona kolektivtrafiko okazas per la aŭtobusoj, kiuj kune faras proks. 400 veturojn po tage sur la diversaj irejoj.

La aŭtobusstacio de Århus ekspedas po jare preskaŭ 1 milionon da pasaĝeroj.

## *La ŝarĝaŭtomobilista centro*

Ĉi tiu transportentrepreno, kiu estas kompanio de privataj ŝarĝaŭtomobiloj, antaŭ kelkaj jaroj konstruis sian novan varoterminalon sur areo en la okcidenta parto de la urbo post jaroj sub premigaj cirkonstancoj en alia loko sur la haventereno.

Proks. 80 ŝarĝaŭtomobilirejoj eliras de la terminalo, kaj la jara spezo estas proks. 160 000 da tunoj.

## *La flughaveno de Århus*

La flughaveno de la urbo — kaj de la regiono — situas en Tirstrup, proks. 40 kilometrojn nordokcidenten laŭ la ĉefvojo Århus—Grenå.

La flughaveno ĵus festis sian 25-jaran datrevenon, ĉar la eta komenciĝo okazis mallonge post la fino de la milito per kunutiligo de la establita milita flughaveno en Tirstrup.

Post pli ol 25 jaroj ĉi tiu komuneco ankoraŭ daŭras, sed de negrava kuna utiligo la civila parto de la flughaveno fortege akceliĝis, speciale dum la plej lastaj jaroj, malgraŭ la estiĝo de kelkaj aliaj provincaj flughavenoj.

La kolosa progreso de la flughavena trafiko konkretiĝas per ĉi tiuj nombroj por pasaĝeroj alvenantaj kaj forirantaj jare:

| | | |
|---|---|---|
| 1955: | proks. | 35 000 |
| 1960: | » | 75 000 |
| 1970: | » | 260 000 |
| 1971: | » | 290 000 |

Nun estas proks. 15 veturadoj po tage de kaj al Kopenhago. DSB prizorgas la komunikigan trafikon per aŭtobuso inter la stacidoma placo en Århus kaj la flughaveno en Tirstrup.

Kiel jam menciite la tramoj malaperis de la urba trafikbildo. Tio okazis en la fino de la jaro 1971, kaj la ampleksan, kolektivan, enurban trafikon entreprenas nun sola la aŭtobusoj, precipe je komunuma bazo. Kelkaj privataj aŭtobusentreprenoj tamen partoprenas ĉi tiun trafikon, sed tiel, ke la tasko de ĉi tiuj entreprenoj precipe konsistas el antaŭurba trafiko.

La 1-an de aprilo 1970 la reformo de la komunumoj en Danio plenumiĝis kaj tio signifis por la regiono de Århus, ke 21 komunumoj fariĝis unu grandkomunumo, kaj fariĝis necese pritrakti ankaŭ la problemon de la enurba trafiko. La magistrato establis komision pri la enurba trafiko, kaj komence de la jaro 1972 ĝi donis raporton pri ĉi tiu ampleksa temo. Ĉi tiu raporto nun kuŝas sur la tablo de la magistrato — kontribuo al debato kaj decido pri tre gravaj kaj malfacilaj trafikproblemoj.

———

Grandparte estas ĉi tie priparolita preskaŭ nur la publikan kaj kolektivan trafikon, sed nature Århus kiel ĉiuj aliaj grandurboj havas individuan granddimensian aŭtomobiltrafikon.

La nombro de privataŭtomobilistoj konstante kreskas, sed dum la urbo pripensas la plej bonan solvon de la kolektivaj trafikproblemoj, ĝi daŭre ankaŭ tre okupiĝas pri la problemoj de la individua trafiko.

Trafikinspektoro H. Jørum, DSB.
Membro de la en 1970 establita «region-trafik-komisio por kolektiva trafiko en la komunumo en Århus.»

## Kongresa ekskurso

La tuttaga ekskurso de la 25a IFEF-kongreso celos la urbon Middelfart, tre malnova urbo, situanta sur la insulo Fyn, naskiĝinsulo de la mondfama fabelisto H. C. Andersen.



*La haveno de Middelfart.*

Middelfart estas unu el la plej malnovaj urboj en Danio. Antaŭ proksimume 1000 jaroj la urbo ekkreskis ĉirkaŭ la kastelo «Gorensborg», kaj la historio enhavas dramecajn detalojn, inter alie en 1287 la urbo forbrulis, sed rapide ĝi denove rekonstruiĝis, kaj en la mezaj jarcentoj la urbo estis loko por gravaj politikaj intertraktoj.

Plurfoje Middelfart cindriĝis pro bruladoj, kaj pesto bravege manĝis urbanojn. En 1769 la urbo estas loĝata de 735 personoj. Nun loĝantarnombro estas 13 000.

Dum la tempo kiam la pramŝipoj kunligis Fyn kaj Jylland la aŭtomobilistoj malfacile manovris en la mallarĝaj stratoj de Middelfart, sed de 1935 la nova ŝoseo Brovejen, kaj la novkonstruita ponto trans la markolo Lillebælt kondukis la trafikon ekster la urbon.



*La nova ponto trans la belto.*



*Panoramo de la lagoj de Silkeborg.*

La ponto havas longecon de 1177 metrojn. Antaŭ jaroj tiu ponto ne plu kontentigis la trafikbezonon, kaj oni konstruis novan ponton kun 4 ŝoseoj kaj 600 metrojn pli longa ol la malnova ponto.

En la malnova urboparto troviĝas multe da belegaj malnovaj domoj, kiuj estas arkitekturaj trezoroj. Ekzemple la preĝejo de Middelfart, konstruita en la 13a jarcento, estas vidinda kaj ekstere kaj interne. En la proksimeco de la preĝejo situas la domo de Henner Friiser, konstruita en la 16a jarcento. Nun ĝi estas uzata kiel muzeo.

Ŝipveturado sur la lagoj de la urbo Silkeborg ankaŭ estos parto de la tuttaga ekskurso. Per trajno de Århus ni atingos la stacian vilaĝon Ry, kaj de tie la partoprenontoj de la ekskurso ŝipveturos al Silkeborg. Ŝipveturado sur la lagoj de Silkeborg estas neforgesebla travivaĵo, kaj prezentas specialan ĉarmon. Oni vidas arbarojn, montetĉenojn kaj verdajn kampojn, kie scivolemaj bovinoj salutas la turistojn.

La akvovojo al Silkeborg estas interesa ĉapitro en la historio de la dana trafiko. Longtempe oni preferis la akvovojojn anstataŭ fervoja linio. Unuavice ĝi estas uzita por ŝarĝtrafiko, sed nun la lagoj precipe estas alloga ekskurscelo por turistoj.

Silkeborg estas relative nova urbo, nur iom pli ol 100 jara. Ĝi ekkriskis ĉirkaŭ paperfabriko, kiu konstruiĝis en 1845. Pro tio la urbo ne prezentas multe da historiaj memoraĵoj, sed tamen ĝi posedas, krom la belegan ĉirkaŭaĵon, karaktarizajn vidindaĵojn.

En la muzeo de Silkeborg troviĝas la 2000 jara «Tollundviro». En 1950, kiam oni elfosis torfon en la torfejo de Tollund, oni trovis la kadavron, kiu nun nomiĝas «La Tollundviro». La dana nacia muzeo konstatis ke la kadavro devenas de la plej malnova ferepoko.

En Silkeborg ni denove eniras la trajnon, kiu veturigos nin tra la erikejo. La unua pli granda urbo post Silkeborg estas Herning, ĉefurbo de la erikejo. La urbo dum la lastaj jardekoj evoluiĝis kiel nur malmultaj urboj en Danio. Malgraŭ la ebena tereno la ĉirkaŭaĵo de Herning estas varia. Oni trovas erikejojn, torfejojn, plantejojn kaj lagojn. En la proksimeco oni antaŭ jaroj elfosis amason da bruna karbo, kaj pro tio la pejzaĝo prezentas sin kiel fantazilando kun altaj sablomontetoj kaj profundaj elfosejoj.

Daŭrigante la veturadon ni pasas la iaman reĝourbon Jelling. Ĉi tie loĝis en la 9a jarcento la reĝoj Gorm la Maljuna kaj Harald Bluadento, en Jelling estas tombigita en tombaltaĵo la reĝo Gorm la Maljuna kun sia reĝino Tyra. Proksime de la tombaltaĵo troviĝas memorŝtono pri la reĝoparo, starigita de la filo reĝo Harald Bluadento. Sur la memorŝtono li skribis, en runa alfabeto, pri siaj ge-

patroj kaj pri siaj venkoj en milito.

Pasante la urbon Vejle oni vidas belegajn arbarojn de fagoj. Vejle situas apud fjordo, kiu kune kun la arbaroj beligas la urbon kaj prezentas ĝin perlo en la pejzaĝo.

La lasta urbo antaŭ ol ni atingos Middelfart estas la grava fervojkruĉigejo Fredericia. En 1649 oni ekkonstruis fortikaĵojn kaj remparojn ĉirkaŭ la urbo, sed pro evoluo de la urbo, nun la remparoj situas en la mezo de Fredericia.

La ekskursa trajno daŭrigos de Fredericia al Middelfart, la urbo kun la du pontoj kaj la celo de la ekskurso.

*Frederik Nielsen.*

# FRĂULINO DETEKTIVO



*Kriminalnovelo de Marit Hoem Kvam.*

*Ilustraĵo: Øyvind Hansen. Tradukita el norvega de Kåre Bye, Hamar.*

Komenciĝis jam kiam mi eliris la fiakron ĉe la stacidomo. Mi glitis, surfalis la glatglacion kaj la rezulto estis makulo granda sur mia nova pantalona vesto. La kofro mia ĵetiĝis en unu direkton, la mansaketo en alian. «Akcidento malofte venas sole» aŭdiĝis voĉo. Estis mia propra voĉo kiu tion diris. Tiun ĉi esprimon ĉiam mia avino uzis kiam okazis malprospero. Kaj tute certe ŝi aldonis: «Ĉu kio estas la venonta?» Sed feliĉe nuntempe junaj homoj ne estas superstiĉaj. Kvankam — preskaŭ ĉiam mia avino praviĝis. Mi enkolektis miajn propraĵojn kaj nefirme eniris la trajnon. Tie mi trovis kupeon kie estis libera angulloko. Mi sidiĝis, komfortigis min kaj provis malstreĉiĝi. Fine- nun estus agrable ferii! La trajno per kiu mi vojaĝus, estis el la malmoderna ĉarmeta tipo kaj mi estis la sola virina pasaĝero en la kupeo. Maldekstre de mi sidis belvestita sinjoro kiu kunportis nigran dokumentujon. Eble li estis pasinta siajn kvardek jarojn kaj mi divenis ke lia profesio estas vendisto. Sur la kontraŭa benko ĉe la fenestro sidis pliaĝa sinjoro, kiu afable kapsalutis min. Li estis granda kaj forta, kaj en siaj grandaj labormanoj li tenis lokan gazeton. Mi vetis ke li estas kamparano. La lasta en la kupeo estis knabo, ĉirkaŭ dudekjaraĝa, kun grasbrilanta hararo kaj multege da pakaĵo. Lia brilkoloraĉa kravato kun Havajaj knabinoj memorigis min pri maldungita junmaristo. Memkompreneble mi sentis min iom taŭzita pro la falo; sed kun ĉio tiu virkuraĝa plipezo en la kupeo, mi ekdeziris mian nazon pudri kaj iom pli da ruĝigilo surmeti. Dis-

krete mi malfermis mian mansaketon; sed aĥ, ho ve! La pudruja spegulo estis frakasita! Kvankam oni ne prikalkulas sepjaran malfeliĉan amon, oni neniam scios.

Cetere estis mia «Carven Magriffe» boteleto elverŝita en la mansaketo. La multvaloraj gutoj, kiuj delogus la fraŭlojn en la hotelo, estis for. Se mia avino estus ĉeestinta, ŝi tute certe estus dirinta: «Ĉu tion mi ne diris? Kroĉu viajn fingrojn infano mia, ĉar ĉiuj malbonaj aferoj okazas trifoje.» Sed kiel dirite, nuntempe oni ne estas superstiĉaj. Plej bona estis eligi semajnan ĵurnalon kaj provi la tempon mallongigi. Post kvin horoj mi alvenus la altmontaran hotelon «Ullsberg», kie mi pasigus tutan semajnon en lukso kaj sporto. La trajno skuiĝis supren la valon kaj la konduktoro atentigis nin ke tagmanĝo estas surtabligata en la manĝvagono. Kial ne jam de nun esti vojaĝkutiminta luksulino mi pensis kaj ekstaris. La tagmanĝo estis bonega: bov-vosta supo, pleŭronekta lumbaĵo, glacia kuko kaj kafo. La kalkulo ankaŭ ne estis tiel timiga. Sed kio pli malbona estis; mian mansaketon entenante 900 kronoj mi estis forgesinta en la kupeo! Balbutante mi klarigis al la kelnero mian forgeson. Mi kvazaŭ povus senti kiel oni ĉe la najbaraj tabloj ĉesis maĉi por ke ili pli bone aŭskultu mian balbutantan klarigon. Kaj mia sento kiel vojaĝkutiminta luksulino estis tute for. «Ĉu estas por vi eble alpreni mian horloĝon kiel garantiaĵo?» maltrankvile mi demandis. Aŭ mi ŝajnis sufiĉe konvinka aŭ ke mia horloĝo estis tro mizera, mi ne scias. Ĉiuokaze li permesis al mi forlasi la manĝvagonon.

Puŝetante la vojaĝantojn kiuj baris la koridorojn mi reurĝis al la kupeo. Tie ene sidis nur la kamparano. Dank' al Dio! La mansaketo lumis kontraŭ mi de mia sidloko, mia karega saketo! Karesante ĝin mi prenis kaj urĝis al la manĝvagono. Tie mi ekvidis «mian kelneron» kaj ridetante mansignis al li. «Feliĉe», mi diris, «mia saketo staris tie kie mi forlasis ĝin. Homoj entute estas honestaj.» Tiam mi malfermis ĝin, sed kiel surprizo! La mono estis for. Kion pensis la kelnero, tion mi ne scias. Sed li notis mian nomon kaj adreson kaj mi promesis alsendi la monon ĝis dusemajnoj.

Ĉi-foje mi ne tuj iris al la kupeo. Meditante, sencele mi promenis tra la koridoroj. Kie troviĝas miaj 900 kronoj kaj kiu ŝtelis ilin? Mi certigis min ke mi rehavigu al mi tiun sumon mi dum longa tempo pene estis ŝparinta. Kiam mi revenis al la kupeo, sidis tie la kamparano kaj la junmaristo. Ili ambaŭ estis manĝintaj en la manĝvagono kaj la vendisto sidis trinkante sian kafon kiam mi perplekse eliris. Supozeble ankaŭ li baldaŭ revenus. Mi batalplanis kaj nur restis la espero pri sukcesa rezulto.

Fine, kiam ni ĉiuj kvar estis kolektitaj mi kuraĝis min. «Pardonu min, miaj sinjoroj» mi diris «sed okazis io malagrabla.» Ili surprizite kaplevis. «Dum multaj monatoj mi ŝparis monon por ke mi havu okazon pasigi mian vintran libertempon en altmontara hotelo» mi daŭrigis. «Sed vizitante la manĝvagonon mi malkovris ke mi estis forgesinta mian mansaketon en la kupe ĉi ene. Nun mia tuta provizo da mono, 900 kronoj estas perdita. Mi pensis alparoli la konduktoron por ke li voku la policon; sed se vi estas volaj helpi min, ni probable kune povas solvi tiun problemon sen enmiksiĝo de la aŭtoritato. Nu, kion vi respondas?» Streĉe mi rigardis ilin. «Se mi povas helpi vin, nur demandu min» diris la kamparano. «Tiaj detektiv-historioj ĉiam estas eksciitaj.» «Estas en ordo kio min koncernas» diris la junmaristo. «Nu,

mi ne plu ŝatas esti kontraŭekzamenita de juna sinjorino, precipe kiam mi nenion krimon faris» diris la vendisto. «Sed se la alternativo estas ke mi devu esti kontraŭekzamenita de la polico, mi preferas ke vi faru tion. Cetere, ĉi tiun historion mi trovas tre stranga» li findiris. «Unue mi eksciu kiuj el vi troviĝis solaj en la kupeo» mi komencis. «Mi iris kiel la unua en la manĝvagonon kaj revenis la unua» diris la kamparano. «Kiam mi revenis neniu troviĝis en la kupeo kaj la mansaketon mi ne rimarkis» li finis. «Kaj mi sidis sole ĉi tie dum tempeto kiam tiu junulo forestis, eble vizitante la tualeton» komencis la vendisto. «Kiam li revenis mi iris al la manĝvagono.» «Do, teorie vi ĉiuj tri havis okazon ŝteli mian monon» mi diris. Mi jam sentis kiel la malfacilaĵoj ekamasiĝis kaj ke la ŝvito ekelgutas. «Ĉu estas eble ke mi esploru viajn monbiletujojn?» Mi surpriziĝis kiam la ĉiuj tri tre volonte elpoŝigis ilin. La kamparano havis 1100 kronojn en sia monbiletujo. «Mi kunportis tiun sumon por ke mi aĉetu iom da agrikulturiloj en la urbo; sed mi nenion aĉetis. Tion kion mi intencis aĉeti, ne estis trovebla» li findiris.

La junmaristo estis pli riĉa kaj estis posedanto de 1400 kronoj. «Iom de la salajro mi ĉiam havas enkontante» li diris. «Estas por mi necesa survoje hejmen kaj tranokti kaj manĝi.» La vendisto posedis sumon da 1200 kronoj. «Mi plej parte aplikas ĉekon» li sciigis, «sed mi ŝatas kunporti iom da kontantoj. Oni neniam scias kio okazos.« Iom rezignite ili rigardis min. «Do, denove ni troviĝas en la sama situacio kiel antaŭe» diris seke la junmaristo, dum li enpoŝigis sian monbiletujon. «Cetere ne daŭras longe antaŭ ol mi atingos mian celstacion kaj jam tre urĝas ke mi enkolektas miajn propraĵojn.» Miaj nervoj estis streĉitaj kaj laŭta fajfado memorigis min pri mia propra voĉo aŭdiĝis: «Haltu, iom haltu! Ni ne estas en la sama situacio kiel antaŭe. Mi bone scias kiu ŝtelis mian monon!» Ili ĉiuj kapturnis kaj surprizite rigardis min. «La ĉi tieajn agrikulturilojn vi aĉetu por propra mono!» mi ekkriis kaj ĵetis ekkolereman rigardon al la kamparano. «Naŭcent kronoj en via monbiletujo apartenas al mi!» akre mi diris. «Kia senhonta akuzo!» kriis la kamparano. «Mi kiu neniam antaŭe aŭ mensogis aŭ ŝtelis!» «Sed hodiaŭ vi faris ambaŭ aferojn. Donu al mi vian monon kaj mi provu tion!» Miaj manoj tremis kiam li transdonis al mi la monon. «Flaru!» mi diris, donante al la vendisto la mondbiletojn. La rigida, serioza viro subite fervoriĝis kiel bubo. «Parfumo!» li ekdiris kaj ŝajnis tre surprizita. «Jes! tiuj biletoj odoras je eleganta sinjorino» diris la junmaristo. «Flaru ĉi tie en mia mansaketo!» mi ekscite daŭrigis. «La sama parfumo!» ili ambaŭ ekkriis. Ni ĉiuj tri atente ekrigardis la kamparanon kiu pli kaj pli ruĝiĝis. Certe estis por mi prospero ke mi ne troviĝis sola en la kupeo. Se liaj okuloj estus povintaj mortigi, li tute certe tion estus farinta. Li levis la falditan gazeton kvazaŭ li vizaĝfrapu min, sed lastmomente li reprudentiĝis. Liajn du centbiletojn, kiujn mi redonis al li, li preskaŭ disŝiris kiam li kolere elŝiris ilin el miaj manoj. «Se ne estus pro tio ke mi eltrajniĝus ĉi tie, mi ......» Li ekkuris el la kupeo kaj brufermis la pordon. «Ege mi dankas vin pro viaj ĝentileco kaj helpemo» mi diras al la du restantaj kunvojaĝantoj. Ili kore ridetis al mi dum mi remetis mian monon en la mansaketon. Odoris agrable el parfumo. Ĉu mi estis ĉagrenita pro la frakasita boteleto? Mia avino tute certe estus dirinta: «Neniam tiel malbona ke ne fine bone efikas.» Kaj mia avino preskaŭ ĉiam praviĝis.



# ADMINISTRAJ INFORMOJ

*Atentu! Grava por ĉiuj landaj asocioj kaj lokaj societoj.*

La germana asocio GEFA disponigas pri *migranta ekspozicio,* kiu estis prezentita la unuan fojon en la trilanda renkontiĝo de Clervaux en oktobro 1972. Ĝi estas konstruita tiamaniere, ke ĝi povos esti utiligata en ĉiu ajn lando, sendependa de ties nacia lingvo. Nur necesas, ke la aranĝanto produktas la esperantlingvajn klarigojn en sia propra nacia lingvo, por ke la neesperantista publiko komprenu.

La ekspozicio enhavas abundan materialon pri Esperanto, kiun oni nur bezonas loke kompletigi per libroj, revuoj, vortaroj ktp. La ekspozicia materialo estas enpakita en du pakaĵoj, kiujn oni facile povas transporti fervoje, laŭ la respektivaj preskriboj de la unuopaj landoj eĉ senkoste. Doganaj komplikaĵoj kutime ne ekestas, kiam oni deklaras, ke la ekspozicio estos resendata. Kostis multe da pena laboro kaj ankaŭ monon kompili ĉi tiun ekspozicion. Pro tio bonvolu vaste uzi ĉi tiun unikan eblecon. La mendantoj ricevos ĝin senkoste, nur la eventualaj kostoj por transporto aŭ rompiĝo k.s. devus esti pagataj.

Bonvolu mendi ĉe: Germana Esperanta Fervojista Asocio, 6 Frankfurt/Main, Karlstr. 4—6.

Estrarkunveno okazis la 4an kaj 5an de novembro en Strasburgo. Laŭ la ampleksa tagordo i.a. estis diskutitaj la distribuo de diversaj taskoj en la nova estraro, detaloj de la venonta kongreso en Århus, la demandaro pri la jarraportoj de la landaj asocioj, diversaj punktoj koncernantajn la «Internacia Fervojisto», eksteraj rilatoj kun aliaj organizaĵoj, kasaferoj, preso de la nova statuto ktp. Ĉiuj pozicioj de la tagordo povis esti komplete kaj tre kontentige fintraktitaj.

La landaj asocioj kaj gvidantoj de komisionoj bonvolu priatenti jenajn punktojn laŭ la nova resp. malnova statutoj ĝis 31.12.:

Landaj asocioj anonci al ĉefkomitatano nomo(j)n de la komitatano(j) por 1973/74 kaj proponojn por komitatkunsida tagordo, same kongresproponojn.

Komisionaj gvidantoj al ĉefkomitatano tagordoj por komisionaj kunsidoj.

Landaj asocioj al gvidanto de la Junulara Sekcio la nomon de la propra junulara respondeculo laŭ nova «Aldono I (7), kiu tekstas:

«(7) La landaj respondeculoj estas delegataj de siaj landaj asocioj komence de jaroj kun nepara nombro. Ili deklaru sin pretaj konservi la oficon por du administraj jaroj. La landaj asocioj komunikas nomon kaj adreson de la junularaj respondeculoj ĝis la 31a de Decembro al la gvidanto de la Junulara Sekcio.»

## Nekrologo

Nia fidela germana membro
**OTTO SCHMIDT** el Münster,
68-jaraĝa, forlasis nin 25.10.1972. Li estis kunfondinto de GEFA kaj la unua komisiito en la distrikto Münster. Kvankam li estis malsana dum pluraj jaroj, li restis ĝis antaŭ nelonge kasisto en la loka grupo Münster. Ni konservos al li bonan memoron.

Al la edzino ni sincere kondolencas.

*La IFEF-estraro.*



# FERVOJNOVAĴOJ

*Norvegio:*

Laŭ la fantazio de la pranorvegoj vivis en la altmontaro de Skandinavio supernaturaj malbelaj kaj timigaj monstroj: la troloj.

Henrik Ibsen rakontas en sia dramo Peer Gynt pri la troloj kaj pri vizito en ilia kaverno.

Edvard Grieg komponis la muzikon al la menciita dramo, kaj unu el la muzikaĵoj nomiĝas: «Troll-tog» = «Trol-procesio».

La vorto procesio, havas en la norvega lingvo ankaŭ la signifon *trajno*, tial NSB nun donis la nomon «Troll-tog» — «Trol-trajno» al tre populara turisttrajno inter Oslo kaj Bergen.

En «Trol-trajno» deĵoras tiaj ĉarmaj trolinoj kiel trajnvartistinoj kiun montras la jena bildo, kaj verŝajne nun kelkaj gesamideanoj volas fari

Daŭrigo p. 93




Bildkliŝo: Norsk Jernbaneforbund.

Inter la multaj gastoj kiuj dum la lasta somero vizitis la Norvegan Fervojmuzeon en Hamar, estis ankaŭ la federacia kanceliero Willy Brandt.

Ĉar li ofte ferias en la sudorientnorvega urbo, li prenis la okazon ankaŭ viziti tiun vidindaĵon, kaj jen ni vidas lin dum li skribas sian nomon en la muzea gastlibro. Pri la Norvega Fervojmuzeo ekzistas informbroŝuro en Esperanto, petu ĝin de Norges Statsbaner Informasjonsavdelingen, Storgt. 33, Oslo 1, Norvegio.



Bildkliŝo: NSB, Oslo.



# EL LA FERVOJISTA MONDO

*Rakonto pri la Internacia Feriosemajno en Nederlando 9.—16.9.1972.*

Fulmotondras, pluvegas, vere ne afabla akcepto «nederlanda», sed home, ĝi estas des pli kora, ĉar amiko This M. Blaauw, la organizanto de tiu feriosemajno, atendas nin jam en la stacidomo de Amsterdam. De tie ni atingas baldaŭ nian hodiaŭan celon (per navedtrajno kaj buso de NS) la hotelo Kennemerduin en Wijk an Zee.

*Dimanĉomatene* ni ĝojas povi interkonatiĝi kun deko da partoprenantoj el Aŭstrio, Germanio kaj el Nederlando. Post la matenmanĝo, kelkaj iras diservi dume ke alia grupeto promenadas laŭlonge la grandegan marbordon sed forta vento kaj malvarma temperaturo baldaŭ hejmenĉasas nin por lunĉi. Posttagmeze promenado tra la vilaĝo kaj sur la dunoj montras al ni la belajn dometojn zorge flegatajn, tra kiuj oni povas vidi la malantaŭan ĝardenparton pro la fakto ke la nederlandanoj kutimas havi malfermitajn kurtenojn kaj belegan loĝoĉambregon kiu ampleksas la tutan larĝecon aŭ longecon de la dometo kun grandaj fenestroj. Al ni eksterlandanoj ŝajnas kvazaŭa elmontrejo doma. Sur la kornicoj kaj ekstere en la ĝardenetoj, ĉie estas buntaj floroj, ja estas vera paradizo por fotantoj.

*Lundon* ni veturas per la belaj busoj de NS al Alkmaar, Purmerend, Marken, Volendam, Monikendam, Wormerveer kaj hejmen tra Krommenie. Menciinda estas la iama insulo Marken, kiun oni nun povas atingi trans longa digo kiu baros la enfluon de akvo en la nun konstruatan polderon Sud-okcidenta en la Ijssellago. (Poldero estas lando gajnita el senakvigita tereno troviĝanta sub la mara nivelo kaj protektata per longegaj digoj speciale faritaj tiucele). En Marken, la homoj portas ankoraŭ siajn popolkostumojn, same ankaŭ en Volendam, iama fiŝkaptista vilaĝo kun pentrinda haveneto tipika, kun altentiritaj retoj por sekigi ilin kaj se necese repari, por ke ili estu denove pretaj por la dumnoka fiŝkaptado en la Ijssellago. Kirmeso kiu ĵus okazas pliigas ankoraŭ la buntecon de tiu Volendama bildo.

*Mardon:* Buse al Den Oever kaj trans la granda fermdigo ĝis la monumento kiu rememorigas la fermon de ĝi je la 23a de majo 1932, per kiu oni dividis la Nordan Maron de la Suda Maro, nun Ijssellago nomata. Oni eligis la salan akvon kaj enfluigis dolĉan akvon el la riveroj. Per tiu procedo oni plibonigis konsiderinde ankaŭ la agraran terenon ĉirkaŭan. Certe ni ankaŭ admiras la pejzaĝon en la Wieringer-poldero kiun

---

Daŭrigo de p. 92.

vojaĝon per «Trol-trajno», eble post la kongreso en Århus?

Por tiuj kiuj ankoraŭ nenion scias pri la naturbeleco laŭlonge de la altmontar-linio Oslo—Bergen, oni informas ke ili povas pruntepreni la filmon «Mi estis tie», (16 mm. filmo kun parolteksto en Esperanto) eldonita de NSB.

Por prunteprenado oni skribu, aldonante 2 respondkuponoja al: Norvega Esperantista Ligo, Poŝtfako 942, Oslo 1, Norvegio.

Por ricevi informbroŝurojn pri vojaĝoj en Norvegio, oni skribu en Esperanto al: Norges Statsbaner, Informasjonsavdelingen, Storgt. 33, Oslo 1, Norvegio.

oni konstruis prove antaŭ baldaŭ 50 jaroj, por konstati ĉu vere io kreskas en iama martereno sekigita. Nun jam altaj arboj kaj bonege evoluitaj vilaĝoj kaj vastaj farmbienoj pravigis la entreprenegon. Neniu plu imagus ke iam tie sin batis maraj ondegoj. Trans Den Helder, la plej norda finstacio de la NS-fervojreto nordholanda kaj trans la naturaj dunoj je la okcidenta marbordo ni denove atingas nian belan hotelon en Wijk aan Zee.

*Merkredon:* Buse al Aalsmeer, kie estas iom ekstervilaĝe la grandega floraŭkciejo. En ĝi estas faratai aŭkcioj de floroj el la tuta mondo alvenintaj aeroplane. La ĉefaerodromo SCHIPHOL kiu troviĝas proksime, akcelas kaj favorigas tiun mondkomercon floran. Estas klare ke ni ankaŭ faras viziton al Schiphol ĉar novaj «aermonstroj» ja ĉiam ankoràŭ impresigas nin hometojn. Sed jam baldaŭ ni estas denove «hejme» en nia restadejo, kie ni, post bonega vespermanĝo, ŝakludas, babiladas aŭ eĉ nur televidas, laŭ ĉies emo.

*Jaŭdon:* Trajne al Den Haag kie ni admiras la «Meztag-panoramon» grandega pentrita bildo ĉirkaŭ- aŭ panoramoforma, kiu montras la iaman Scheveningen ĉe la marbordo kaj sur la dunoj. Madurodam, nature ne povas manki en nia programo. Tiu miniatur-urbo kiu montras en la grandeco de 1/10 famajn konstruaĵojn el Nederlando kiel ankaŭ polderpejzaĝon estas vere interesa. Fine ni haltadas iom ĉe la fama marbordo Scheveningen sed la veter-dio ne estas bonvola al ni kaj ĉasas nin per forta vento malvarma en restoracion por kaftrinki. Tamen ankaŭ tio havas sian bonan flankon, ĉar tiam eblas babiladi kaj kontaktiĝi kun la partoprenantoj.

*Vendrede:* Ek al Alkmaar por rigardadi la spektaklon de la kolorplena tamen ne tro bonodoranta fromaĝo-merkato. Poste ni busas al la duoninsulo Koog aan der Zaan por admiri la vilaĝeton Zaansche Schans. Tiu estas liberaera muzeo kvazaŭ, tamen ĉiu domo estas loĝata kaj pro tio vivanta montrejego natura de iamaj belaj domoj provincaj kaj de ventomueliloj ankoraŭ laborantaj. Oni ja uzis ilin por segi lignon, por muelili grenojn, por eligi akvon el malalta tereno ktp. Poste boatveturado sur la Zaan montras ankoraŭ pli la pentrindecon de tiu loko. Vespere estas servata bonega festena manĝo kiel signo adiaŭa jam. Kunvenas 40 nederlandaj sciencistoj en la hotelo, inter ili 2 esperantistoj kiuj provas konatigi Esperanton en tiu medio sceincista.

*Sabaton:* Jam ni atingas la fintagon de tiu bela feriosemajno. En Amsterdamo ni faras ankoraŭ boatveturadon tra la grahtoj kaj posttagmeze ni povas bonŝance admiri belegan florkorson kun multaj premiitaj vagonoj flore ornamitaj en ĉiuj koloroj eblaj.

Jam ni devas adiaŭi unu la alian kun iom da kaŝa emocio, ĉar verdire ni interamikiĝis bonharmonie dum tiu semajno tiel bone gvidata de nia akimo This M. Blaauw. Post tiu malĝojeta momento, mia edzino kaj mi povas ĝui dum 2 tagoj la gastamecon kaj la belan tute renovigitan domon de la geedzoj Ghies kaj This Blaauw en Zwolle. Tio verdire pliriĉigas ankoraŭ pli nian restadon en la bela Nederlando. Koran dankon al ĉiuj. Ines & Hans Hunkeler.

*Mozaiko pri minikongreso en Luksemburg.*

Planitaj estis *komunaj jarkunvenoj* de la 3 landaj asocioj Belgio, Francio kaj Germanio. Sed fakte ĉeestis ĉirkaŭ 300 partoprenantoj el entute 13 landoj de 6. is 9. de oktobro en Clervaux, norda parto de Luksemburg, apud la belga landlimo.

*Akceptejon* disponigis la staciestro, centprocenta favorulo de nia afero kaj jam studanto de Esperanto.

*Kongresejo* troviĝis en la belegaj salonoj de la malnova kastelo sur monto enmeze de la pitoreska urbeto.

*Gazetara konferenco* en la direkcio de la luksemburgiaj fervojoj CFL. Antaŭaj informiloj preparis la terenon. Proksimume 20 artikoloj konataj, parte ilustritaj.

*Ekspozicio* nove kompilita por tiu kongreso de la germana kolego Jentsch, kompletigita per diversaj francaj literaturaĵoj kaj per kompleta kolektaĵo de Esperanto-poŝtmarkoj kaj-stampoj. *Speciala poŝtoficejo* kaj aparta *stampo* kun teksto «Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso Clervaux-FISAIC», sub kiu nomo la aranĝaĵo estis diskonigita en Luksemburg.

*Librostando* de L. Pickel, Nürnberg, kun centoj da libroj aĉeteblaj.

*Tri jarkunvenoj* paralelaj por pritrakti la problemojn de ĉiu el la tri landaj asocioj.

*Salutakcepto* komuna kun ĉirkaŭ 30 parolintoj, i.a.

la FISAIC-prezidanto d-ro Schlesser, gvidanto de FISAIC-sekcioj de Belgio kaj Francio, urbestro, prezidanto de la Luksemburga Esperanto-Asocio (fondita 1971) M. Ries, IFEF-prezidanto, reprezentantoj de BEFA, FFEA kaj GEFA kaj reprezentantoj de la ceteraj landoj kaj de fervojistaj sindikatoj.

*Festvespero* kun abunda altvalora kultura programo. Kunagis sopranistino kaj fervoja orkestro el urbo Luksemburg, baritono el Germanio, fervoja ĥoro el Belgio, 4 aktoroj (teatraĵo, recitaĵoj) el Parizo.

*Ekumena diservo* en la bonege vizitita urba preĝejo.

*Depono de florkrono* ĉe la loka honormonumento per po unu kolego el Belgio, Francio kaj Germanio. Ĉeestis la televizio.

*Akcepto* en la kastelo flanke de la urbestro.

*Tuttaga ekskurso* per aŭtobusoj al la hidroelektra akvobarejo Vianden kaj al la malnova urbeto Echternach. Belegaj panoramoj survoje kaj ĉie la arbara foliaro ravis per la plej pompaj koloroj de la aŭtuno.

*Duontaga ekskurso* al urbo Luksemburg, rondveturado kaj vizito de la malnovaj kazematoj, tre interesaj.

*Vetero* de komenco ĝis fino nur bela, suna, pure kongresa.

*Gi.*

## Recenzoj

Stellan Engholm: Al Torento, 3a eldono, eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhøj, romano 93 p., prezo d.kr. 12,— inkl. sendk.

Al Torento aperis en 1930 kaj estas la unua romano de Engholm. Ĝi iĝis tre populara kaj la stoko baldaŭ elŝerpiĝis, tiel ke la dua eldono jam aperis en 1934. Post la lasta milito ĝi ne plu estis havebla.

La ĉeffiguro de la libro estas Karlo, junulo vivanta en eta bieno sur montdeklivo kune kun siaj gepartoj. Sola li laboris la tutan tagon en arbaro malproksime de aliaj junuloj. Peza estas lia laboro kaj donas al li neniun alian profiton ol manĝon kaj simplajn vestojn. Vespere li staras ekster sia hejmo rigardante suden, unue al la larĝa valo, poste al Torento, urbeto kiu sorĉe lin logas estante la pordo al la granda mondo. Li forlasas sian hejmon kaj trovas laboron fabrikan en Toronto. Tie li

konatiĝas kun Enjo, serioza kaj pensema knabino kaj forte enamiĝas. Li ankaŭ konatiĝas kun junuloj kiuj interesas sin pri politiko. Iliaj interparoladoj estas por li evoluigaj, stimulantaj al pensado pri aferoj tute fremdaj por li. Fine li trovas sian vivo-filozofion. Mi kredas ke Karlo estas pioniro de ideoj kiuj nuntempe ekregas inter multaj gejunuloj: malestimo pri nia formo de civilizacio kun la ĉiam kreskanta materialismo — kaj sopiro pri vivo pli simpla sen soifado je simboloj de riĉeco kaj potenco.

La priskribo de la naturo en la frusomero estas belega. La stilo de la libro estas eleganta, vere admirinda. Mi esperas ke Al Torento baldaŭ troviĝas en la librobŝranko de ĉiu Esperantisto.

*

SUNO KAJ PLUVO
de Gudrun Riisberg.
Eld. Dansk Esperanto-Forlag.
80-paĝa - 21 x 15 cm.
Prezo 14,- d.kr. (sendk. inkl.)

Ĵus fininte la legadon de klasika novelaro de unu el la grandaj rusaj aŭtoroj, mi trovas la transiron al la dana medio iom malfacila. Tamen ne daŭras longe antaŭ ol mi kaptiĝas de la legado ankaŭ de ĉi tiu novelaro.

La 15 noveloj estas ege variaj — kelkaj amuzaj, kelkaj kortuŝaj, aliaj romantikaj kaj denove aliaj streĉaj. Pri ĉiaj homoj mi legas, homoj vivantaj en plej diversaj medioj kaj ĉiuj iel kaptas kaj tenas mian intereson. Jes, la noveloj estas diversaj, sed unu econ ili havas komunan. Ili havas nervon. Cetere ili estas verkitaj en eleganta stilo. Vere estas granda ĝojo kaj ĝuo vidi kiel lerte Gudun Riisberg uzas nian lingvon kaj — sian plumon. Mi fermas la libron meditante — kiam venos ŝia unua romano?

## Anoncoj

*Skisemajnoj en Aŭstrio*

1) La 14-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno (IFES) denove okazos en Aŭstrio en la monta domo «Strussing» (1530 m) ĉe Werfenweng/Salzburg de 10.—17.2.1973.

2) La Linza Esperanto-Skisemajno 1973 (LES) okazos je la sama loko de 17.—24.2.1973.

Informojn kaj aliĝilojn kontraŭ resp. kup. ĉe la organizanto: s-ano Joh. Geroldinger, Wienerstr. 2 c, A-4020 Linz; aŭ Strassham 293, A-4072 Alkoven. La unuaj aliĝoj jam alvenis.

*

18-jara ĉeho deziras interŝanĝon de bildkartoj, poŝtmarkoj, turistprospektoj, glumarkoj, insignoj, fotoj de kantistoj kaj aktoroj, gazetoj, libroj, alumetetikedoj ktp. Respondo certa: Jaroslav Palan, Chvojnov 20, p Pelhrimov, Ĉehoslovakio.

*

Komisie de la trafikoficejo en la germana urbo Mannheim, la tiea Esperantogrupo eldonis esperantan faldfolion pri la urbo en la internacia lingvo.

Tiu prospekto estas senpage havigebla ĉe: ESPERANTO, D-68 Mannheim 1, T 6/18, Federacia Respubliko Germanio

*

La hungara Fremdultrafika Informa Servo volonte sendas esperantlingvajn inform-materialojn pri ĉiuj eventoj interesaj el fremdultrafika vidpunkto. Petu ilin en Budapest VII, Rákóczi Ut 52 P.O.B. 26. BP. 70.

La redaktfino por la venonta IF estas 15.1.1973.

Presita de presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio